24ª Jaro - Nº 8-9 (258-259) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Aŭgusto-Septembro 1938

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908.

DIREKTORO: Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.38

KOMENCO KAJ FINO

## Nia Universala Kongreso estas for

Kiam mi skribas tiujn liniojn, la Universala Kongreso, kiu okazis, tiun ĉi jaron, en Londono estas mortanta.

Jam mi ricevis de nia Liga Prezidanto, unuajn notojn, kiuj permesos doni al niaj legantoj, impreson pri la malferma kunsido, kaj aliaj notoj estas promesataj, kiuj, ni esperu, ankoraŭ alvenos ĝustatempe, por esti enpresataj en tiu ĉi numero.

Nia jarfesto estis efektive granda festo, ĉar partoprenis ĝin pli ol 1600 partoprenantoj kaj ĉar, por la unua fojo en la lastaj jaroj, ĝi povis vivi sian mallongan vivon, sen diskutoj pri la organiza problemo, kiel tion substrekis unu el la paroladintoj de la malferma kunsido.

La Jarfesto, — la universala Kongreso de la neŭtrala Esperantistaro —, okazas ĉiam en Aŭgusto kaj, tiel lokita, ĝi havas duoblan signifon.

Ĝi signifas por ĉiuj la pioniroj kaj batalantoj sur la Esperanto-kampo, ke finiĝis denove periodo de grava, senlaca laboro.

Ĝi donas al ili la rajton, vivi, dum kelkaj tagoj, tiujn feliĉajn tagojn, dum kiuj ili vere ĝuas tiun edenan ĝojon, plenefektivigi, dum unu semajno, la celon, kiun oni postkuris dum tuta jaro.

La Universala Kongreso por ili estas, kiel la ĉiela rekompenco de ilia laboro.

Dum unu jaro, ili alvokis la homojn al frata interkompreniĝo.

Dum unu semajno, ili dronas en tiu atmosfero, en kiu unu lingvo permesas al individuoj, venintaj el ĉiuj partoj de la tero, interparoli kaj babili.

Sed se, tiel konsiderata, la Universala Kongreso estas kvazaŭ celo, kvazaŭ fino, ĝi tamen ne povas esti nur tia.

La Ĉielo estas senfina. La ĉiela impreso, kiun havas la feliĉa Esperantisto dum la Universala Kongreso tamen ne povas esti senfina.

Se ne, baldaŭ ekaperus la rezultato diabla, ke la homoj malinteresiĝus; ke la progreso iĝus malprogreso; la antaŭenirado retro-irado kaj la ĉiela impreso, nur sarkasmo kaj malĝojo.

La Universala Kongreso estas ankaŭ la okazo por ĉerpi novajn fortojn por la posta laboro; la laboro, kiu ŝajnas ankoraŭ fora, ĉar la oficiala libertempo ankoraŭ plene daŭras; sed kiu tamen estas jam tiel proksima, ĉar ĝi devas esti zorge preparata dum la libertempo, se ĝi volas esti efektivigebla tuj post la ferio, ĉe la malfermo de la lernejoj.

Tiuj, kiuj iris al la Universala Kongreso, verŝajne promesis unu al la alia, fari, ĉiu en sia respektiva lando, la necesan laboron.

Sed multaj ne povis ĉeesti la Kongreson kaj, dise, nun pasigas agrablajn tagojn, ekster la Esperanta atmosfero.

Kaj por ili ankaŭ, la tagoj rapide forpasas.

Tiel rapide ke baldaŭ ili, kun konsterniĝo, konstatos ke la libertempa periodo jam rapide forflugas.

Eble ili ne tiel akurate pensas pri la laboro farota.

Kaj la celo de tiu ĉi somera artikolo, — kiun mi skribas dum la termometro en mia laborĉambro montras 32 gradojn —, estas nur — konvinki min mem pri la utileco de mia nuna laboro kaj atentigi ĉiujn miajn legantojn pri tiu fakto.

Ni scias, ke revu-numeroj dum la ferioj havas, tre ofte, malbonan akcepton; ke ili facile perdiĝas meze de la amaso de papero, kiun la hejme restantaj familianoj aŭ servistoj trovas, ĉiutage en la leterkesto, kaj tamen mi esperas, ke pensante, ke temas pri gaja rakontado pri nia Universala, kelkaj el niaj kutimaj legantoj, estos komencintaj la legadon kaj nun, pro memrespekto, daŭrigos ĝin legi, malgraŭ la varmeco kiu, certe, regos en ilia ĉambro, ankaŭ je la momento, kiam ili ricevos tiun ĉi numeron.

Kaj pri iliaj ĉies esperantaj sentoj, mi estas sufiĉe certa, por havi la konvinkon, ke, legitaj miaj vortoj, tre certe, pripensigos ilin ĝustatempe pri ĉio farota.

Kaj tiel ni povos plenfide komenci nian propagandon por la venonta sezono kaj esperi rikolton ĉiam pli belan.

Maur. JAUMOTTE.

---

**La numero de Oktobro aperos la 23-an de Septembro kaj tiu de Novembro la 1-an de tiu monato.**

# Post la XXX-a

# La Londona Kongreso havis brilan Vivon!

## Bonegaj aranĝoj. — Grava manifestacio por nia lingvo en la mondurbo

**Nia Liga Prezidanto, D-ro P. Kempeneers, kiu ĉeestis la universalan Kongreson, de tie sendis notojn — nur notojn — pri la ĉefaj okazintaĵoj.**

**Sen literatura ornamaĵo, niaj legantoj tiel tamen havas la unuan preskaŭ kompletan raporton pri la Universala Kongreso.**

**Jen tiu raporto.**

### Interkoniĝa Vespero.

30.7. okazis en granda salono de Wharcliffe Rooms, Great Central Hotel, interkoniĝa vespero, dum kiu renkontiĝis malnovaj kaj novaj amikoj. Regis la konata atmosfero de komprenemo, bonvolo kaj amikeco, tiom karaj al la esperantistoj.

Ankaŭ ĉeestis S-ro John Sperni, Urbestro de St Pancras, la distrikto en kiu troviĝas la kongresejo, kaj li eldiris varmajn akceptajn vortojn.

Bona muzikistaro, delikatgustaj vespermanĝoj kaj trinkaĵoj agrabligis plie tiun unuan vesperon.

### La kongresa dimanĉo.

Je la 9-a okazis meso en katolika preĝejo St. Anselm, Kingsway.

Je la 10-a Inaŭguro de la Kongreso en **Dominion Teatro.** Plenplena, belega salonego.

Sur la podio troviĝis membroj de la LKK, komitatanoj de IEL, reprezentantoj de naciaj asocioj, diversaj salutantoj kaj en unua vico Prezidanto de kongreso S-ro Fred Wadham, Prezidanto de IEL Generalo Bastien, S-ro J. Sperni, Urbestro de St Pancras, Lia Ekscelenco S-ro Paravicini, Ministro de Svisujo en Londono ,Membro de la legacio de Brazilo, k. c.

Post ludado de la nacia brita himno, Generalo Bastien, Prezidanto de IEL, malfermis la kongreson per mallonga parolado, bonvenigis la partoprenantojn, dankis la organizantojn, relegis kelkajn trafajn liniojn el parolado de Zamenhof farita en Londono, okaze de la 3-a Int. Kongreso kaj proponis la estraron de la Kongreso : S-roj Wadham, Prezidanto, Archdeacon, Buchanan, Thilander, Vic-Prezidantoj, Ĝenerala Sekretario Goldsmith, Vic-Sekretarioj F-inoj Rivollet kaj Goldsmith, S-ro Amos.

S-ro Wadham faris malferman paroladon. Li salutis la kongresanojn kaj ĝojis pro la fakto, ke « organiza problemo » ne estis sur la tagordo, unuan fojon de multaj jaroj.

Lia Moŝto J. Sperni esprimis sian simpation al Esperanto kiun li kredas tre utila kaj necesa, precipe en tia granda internacia grava urbo kia estas Londono. Kiel membro de instruista fako de la urba administracio li altiros atenton al Esperanto, kaj ĉiamaniere helpos.

L. Eks. Paravicini, ministro de Svisujo, oficiale salutis la Kongreson nome de la svisa registaro kaj de la registaro de la Kantono Bern, same de la urbo Bern, kiu gastigos la venontan 31-an Univ. Kongreson de Esperanto. Li esprimas opinion ke Esperanto estas faktoro de progreso, kaj speciale ŝatinda en turisma lando kia Svislando.

Laŭvice parolis : Reprezentanto de brazila registaro, legacia konsilisto en Londono, kaj la Reprezentanto de Hispana registaro, S-ro Alvarez.

Poste F-ino A. Jennen, nome de la belga registaro, reprezentantoj de ĉeĥoslovaka, litova, nederlanda, norvega registaroj, de francaj ministroj de PTT kaj Nacia Edukado, kaj reprezentantoj de landaj societoj aliĝintaj al IEL. D-ro Kempeneers salutis nome de Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj esprimis deziron ke same kiel ĉiuj belgaj esperantistoj sin sentas feliĉaj en Belga Ligo, same ĉiuj landaj societoj kaj apartaj esperantistoj sin sentu feliĉaj en IEL.

S-ro Isbrücker, prezidanto de L.K., kaj poste reprezentantoj de diversaj nacioj, reprezentitaj en la Kongreso kaj de diversaj organizaĵoj inter kiuj S-ro De Boes (nome de Flandra Ligo Esperantista), salutis la Kongreson.

Finiĝis la kunsido per kantado de la « Espero », impone kaj majeste ludata de la orgenisto.

Poste 1000 kongresanoj renkontiĝis en proksima Lyons Restoracio kie ili lunĉis kaj kie regis plej agrabla atmosfero.

Je la 15.30 okazis kongresa diservo en City Temple.

### IEL-kunsidoj kaj raportoj.

Nun kelkaj vortoj pri kunsidoj de IEL.

Okazis tri kunsidoj, unua lundon, dua ĵaŭdon, tria vendredon.

Ili estis bonege vizitataj, okazis interesaj diskutoj, en plej bona konkorda spirito. La unuan fojon de longaj jaroj oni ne priparolis organizajn demandojn.

La tri kunsidojn prezidis prezidanto de IEL Generalo Bastien, kies trankvila patreca spirito gvidis la diskutojn.

Dum la unua laborkunsido, generalo Bastien faris paroladon. Li skizis la nunan strukturon de la Esperanto-Movado, kun IEL kaj ĝiaj aliĝintaj landaj Asocioj, nuntempe jam pli multenombraj ol en la antaŭaj centraj organizoj. Ankaŭ individuajn membrojn posedas IEL. Gravaj estas la fakaj asocioj, inter kiuj la neŭtralaj, profesiaj, kun kiuj regula kunlaborado devas esti aranĝita ; kun la aliaj, neneŭtralaj (religiaj, politikaj, ktp.) kunlaborado ankaŭ devas okazi, kondiĉe ke tiu kunlaborado neniel ligu IEL. Tiamaniere troviĝas loko por ĉiu bonvola esperantisto aŭ esperantista societo.

Raporton pri IEL faris s-ro C. C. Goldsmith, ĝen. sekr. de IEL. Li montris la regulan funkciadon de la Oficejo, kiu estas organizita tiamaniere, ke ĉiu ricevita letero estas respondata la saman tagon. Kunlaborado kun la landaj asocioj estas regula, precipe kun tiuj kiuj sukcesis havigi al si propran oficejon.

La financan flankon de la afero prezentis S-ro A. C. Oliver, Estrarano de IEL, kiu montris ke, por certigi la regulan sendeficitan funkciadon de la Ligo estas necese varbi pli multajn individuajn membrojn, ĉar nur per tiuj la organizaĵo povas vivi. Ĉar pro la politikaj cirkonstancoj forfalis ĉiuj membroj en du landoj sufiĉe gravaj laŭ esperantista vidpunkto, estas necese ke novaj aliĝoj kompensu tiun perdon. — S-ro Oliver ankaŭ instigis al varbado de patronoj, kies nombro nuntempe estas tute nekontentiga.

**La ĝenerala kunsido de IEL.**

La unua komuniko dum tiu ĉi kunsido jetis kvazaŭ ombron sur la kongreson : generalo Bastien anoncis la morton de F-ino M. Saxl, sindona instruistino, kiu multe laboris en la preparo de la Londona kongreso, instruis Esperanton al gekelneroj de Lyons, al geoficistoj de Selfridge, al aktoroj kiuj ludis teatraĵon, al infanoj de orfejo, kiuj partoprenis en vendreda festo, ktp. — Minuto da silento sekvis tiun malĝojigan komunikon.

Sekvis i. a. diversaj interesaj opiniesprimoj :

**S-ro Malmgren**(Sv.) : La Landaj Asocioj ne nur ricevu admonojn pri pagoj, ankaŭ nun sugestojn pri propagando.

Li citas la diversajn propagandmanierojn jene :

1. Turismaj servoj pere de Esp.
2. Instruistaj kursoj.
3. Interŝanĝo de mallongaj teatraĵoj.
4. Propagandaj ekspozicioj.
5. Pasiva membreco.
6. Propagandaj fondaĵoj. (Statuto ekzistas ĉe M.)
7. Monkolektoj.
8. Raporta sistemo de kluboj al landa asocio.
9. Hoteloj.
10. Korespondaj kursoj
11. Esperanto-semajnoj.
13. Turistaj prelegoj.
14. Gazetara informo-servo.

**Norvega Samideano** akcentis la gravecon de la gazetara servo kiu, por malmulte da kostoj tuŝas multajn personojn kiuj ne atentus alian formon de propagando.

**S-ro Midas** (Londono) raportas pri sia agado en Amikeca Rondo.

**S-ro Malmgren** opinias ke finfine ĉiu landa asocio devas havi propran oficejon.

Malmgren raportas pri nova sistemo de varbado : temas pri varbado, ne de kursano, sed de **esperantisto.** Oni ne lasu homon kiu iomete lernis Esperanton. Oni tenu tiujn homojn per incito veni al la Klubo.

Ĉiu Esperantisto elektu iun novulon, kiun li sekvas, katenas al la movado, per de temp' al tempa alvoko. Oni ĉeestu kunsidojn, kongresojn ; kreu novan kategorion de membroj : **varbgarantiantoj** kiuj subskribas honorpromeson varbi unu **esperantiston** al la movado.

Se en 1938 estos 1000 kiuj subskribos — se ĉiu varbos nur unu, en 1939 estos 2000; en 1940 estos 4000, en 1941 estos 8000, ktp.

**La tria laborkunsido.**

Tiu kunsido estis dedicata al a) kunlaborado kun landaj kaj fakaj Asocioj; b) Esperanto en lernejojn.

La diskuton pri la unua punkto enkondukis D-ro Kempeneers, estrarano de IEL.

1. Ĉiu esperantisto individue, ĉiu esperantista loka, regiona, faka societo bone konsciu ke Esperanto havas intereson nur, kondiĉe ke ekzistu internaciaj organizaĵoj kiuj kapablas utiligi la lingvon.

Tiuj internaciaj organizaĵoj devas ricevi ĉiuflankan subtenon tiamaniere ke ili siavice povu havigi al ĉiu partoprenanto diversajn avantaĝojn ne nur en formo de abonoj al gazeto, ktp., sed ankaŭ helpante per kunordiganta kaj instiganta laboro. Venko de iu el la membroj estas venko por la tuta movado, kaj same, sukceso de la centro profito al ĉiu aliĝanto.

2. Kunlaborado de IEL kun landaj asocioj estas necesa ĉar ĝi nur permesas doni eblecojn en diversaj landoj kaj entrepeni saman agadon en diversaj landoj.

3. Kunlaborado kun fakaj profesiaj esperantistaj asocioj estas necesa ĉar por klopodoj ĉe fakaj neesperantistaj instancoj perado de fakuloj estas tre utila.

4. Por plifaciligi tiun kunlaboradon, estas utile ke la landaj asocioj havu sliparon de siaj membroj ordigatan laŭ profesioj.

5. Kunlaborado de fakaj asocioj kun IEL estis jam pristudata de la estraro de IEL. Ĝi antaŭvidas tiun kunlaboradon laŭ ĝenerala skemo nomata : interŝanĝoj de servoj. Tiuj servoj estus komence : presado, en la jarlibro, de listoj de apartaj delegitoj por la koncernaj fakaj asocioj ; varbado de membroj kaj enkasigo de kotizoj por la fakaj asocioj, pere de la delegitoj kaj ĉefdelegitoj de IEL. Siaflanke, la fakaj asocioj varbus por IEL kaj helpus ĝin en la propagando en la koncernaj profesiaj medioj.

Dum la diskuto kiu sekvis oni sciiĝis kun plezuro ke laŭprofesiajn sliparojn jam aranĝis norvega kaj jugoslava asocioj. Norvega asocio klopodos starigi fakajn sekciojn kaj instigos ilin aliĝi al fakaj internaciaj asocioj.

Oni ankaŭ proponis okazigi universalan kongreson de Esp. en sama loko kiel aliaj gravaj kongresoj, ekz. Skolta jamboreo, kaj okazigi ne-esperantistajn fakajn kongresojn. Diversaj estraranoj de IEL respondis al tio ke praktike tiuj proponoj ne estas efektivigeblaj ĉar universalaj kongresoj necesigas multe da antaŭpreparoj ; cetere la fakaj internaciaj asocioj aranĝas mem siajn kongresojn. Tamen la antaŭa ICK jam organizis « teknikajn konferencojn » en Ĝenevo kaj Praha, ili havis bonan sukceson, kiel tiuj aranĝitaj pli poste en Vieno kaj lastjare en Parizo. Sed aranĝo de tiaj konferencoj estas tre malfacila.

b) Pri la rezultoj de la agado por enkonduko de Esperanto en lernejoj raportis S-ro Hartman (Warszawa), kiu laboris kiel sekretario de plenumkomitato de la rezolucio voĉdonita en Warszaw.

Sekvis vigla diskuto kaj voĉdonado de tagordo.

**Komitataj kunsidoj.**

La komitato de IEL kunsidis dum tri posttagmezoj.

Ĝi elektis la estraron kiu konsistos el : Prezidanto Gen. Bastien (Francujo), Vic-prezidanto : Malmgren (Svedujo), Estraranoj : Kempeneers (Belgujo), La Penna (Jugoslavujo), kaj Oliver (Britujo).

Ĝi aprobis aliĝon de jenaj landaj asocioj : Helena, Hungara, Jugoslava, Nov-Zelanda kaj Svisa.

Ĝi aprobis kontrakton kun Kvakera Esperantista Societo.

Ĝi konstatis kun bedaŭro ke la enspezoj dum la nuna jaro ne altiĝis ĝis la sumoj budĝetitaj dum la kunsidoj en IEL ; kulpas pri tio la politika situacio en diversaj landoj, kaj ankaŭ nesufiĉa varbado de individuaj membroj en kelkaj landaj asocioj.

Ĝi longe diskutis la budĝeton por 1939, kaj reduktis ĝiajn ciferojn ĝis minimumoj ; la elspezojn oni ne plu povus malaltigi se oni volas certigi funkciadon de la oficejo ; la varbado de membroj individuaj devas do esti pliviglig ata, same tiu de patronoj.

Aliajn malpli gravajn aferojn oni ankaŭ diskutis, kaj oni plezure konstatis ke la kongreso en Bern plej verŝajne ricevos kontentigajn aliĝojn.

**Ferma kunsido.**

Dum la ferma kunsido, estis legata la diversaj rezolucioj voĉdonitaj dum la fakaj kunsidoj.

Oni esprimis la kutimajn dankojn al la LKK kaj al ĝen. sekr. Goldsmith.

Speciala danko ankaŭ iris al la Pre-

zidanto de la Kongreso Wadham, al la prezidanto de IEL Bastien, k. c.

**Grandega sukceso.**

Tiu raporto estas, kvazaŭ jam detala, tamen ne tute kompleta.

Ni volis ĉiuokaze doni al niaj legantoj klaran ideon pri la okazintaĵoj, tuj post la kongreso.

Pri flankaranĝoj ni ankoraŭ raportos en nia sekvanta numero.

Sed ĉiuokaze ni jam nun diras ke la Londona kongreso superis ĉies esperon : ĝi estis grandioza manifestacio.

La kongreso kiu ĵus forpasis donis al ni la impreson kiun estus doninta la tiama Pariza kongreso, se la Mondmilito ne estus eksplodinta ; ni devas ankoraŭ multe fari, sed ni gajnas terenon, ni ne jam venkis, sed ni venkas !

Ankaŭ la vetero kunhelpis por ĉiuj aranĝoj : ĝi estis same varma kiel la entuziasmo.

Kaj alia grava punkto: oni zorgis por kongresejo kiu estas tre komforta, kaj kie ĉiam, ĉiam estis freŝa atmosfero.

Nia amiko Goldsmith kaj ĉiuj kunlaborintoj liaj, kiuj dum monatoj kaj monatoj penis super ĉiuj aranĝoj meritas nian dankon kaj... gratulojn.

Londono estis grandsukceso, ĝi estu ekzemplo, ĝi ankaŭ por ĉiuj estu instigilo denove eklabori kun ankoraŭ pli da energio.

Kaj nun : ni ankoraŭ multe pensu kaj parolu pri Londono, sed jam aliĝu por Berno ! P. KEMPENEERS.

★

La nomojn de la belgaj partoprenintoj ni citos en proksima numero.

* * *

# Nigra paĝo en mia kongreslibro

De alia samideano S-ro A. Lodema (Antverpeno), ni ricevis jenan tekston, kiun ni enpresas, kun iom da emocio :

« Ĵaŭdon... Mi rapidas al la laborkunsido, kiam alveninte en la akceptejon, mi renkontas malnovan amikon mian, kiu abrupte diras al mi : **« Ĉu vi jam aŭdis ? F-ino Saxl hodiaŭ matene subite mortis ! ».**

Kaj efektive samideanino el Loveno, kiu loĝas en la sama hotelo kiel ŝi, rakontas al ni, mortpala, la okazintaĵon.

Mi aŭdis la vortojn, sed ne povas realigi ilin en mia cerbo. Larmoj enpenetras miajn okulojn. Larmoj ? De kie ili venas ? Dum kiom da jaroj mi ne ploris ? Mi foriras, vagadas ĉien tra la halo, renkontas konatajn al mi gesamideanojn. « Terure, ĉu ne ? ». Larmoj denove en miaj okuloj. Mi hontas, kaj deturnas min, mordas miajn lipojn, diras enpense : malfortikulo, ĉu vi ne pli bone povas kaŝi viajn sentojn, ĉu vi estas eksmaristo ? Ha, via koro estas el vakso ! Mi eksidas sola en angulo kaj mi vidas nin ambaŭ, ŝin kaj min sur la boato inter den Helder kaj la insulo Texel dum la landa kongreso de LEEN, Paskon 1937a. Oni fotografas ŝin kaj ridete ŝi ŝovas sian brakon en la mian.

La sekvintan jaron en Aŭgusto ŝi alvenis en Antverpeno, vojaĝante al Duinkerken. Kelkaj samideanoj akceptis ŝin, kun ŝi promenadis tra la urbo kaj forlasis ŝin ĉe restoracio. Mi ne volis ke ŝi manĝu sola kaj kunmanĝis kun ŝi; poste, kune kun la teritoria sekretario kondukis ŝin ŝipen.

Ĉu tiuj estas la kaŭzoj, ke mi ne povas regi min ? Se jes, kiel mi kondutos se mia edzino aŭ unu el miaj infanoj mortas ?

« Forigu ŝin el viaj pensoj : hodiaŭ ŝi, morgaŭ vi mem ! Sed tamen : kial ŝi... kial ŝi ? La plej bona, la plej sukces-akirinta Cseh-metoda instruistino, kun sia eterna bonvolema rideto sur la lipoj kaj en la okuloj ? »

Mi rifuĝas al la ripozejo kaj komencas legi la « Heroldon ». Mi vidas la vortojn, sed la signifo ne enpenetras mian kapon. Eniras du blindulinoj, gvidataj de zorgoplena fraŭlino. Estas ĉarma trio... La vidantino sidigas la nevidantinojn... Denove larmoj ? Mi mokas min pro tio. Legas la anoncojn en « Heroldo » : Samideana helpo petata. Iu serĉas rifuĝon en transmara lando. Esperantista Interhelpo N-ro 1 — Kiu

# Belga Esperanto-Instituto jubileas !

La 1-an de Oktobro proksima, 12 ½ jaroj estos forpasintaj de la momento, kiam, — dum komitatkunveno de la Antverpena Grupo « LA VERDA STELO », — fondiĝis nia Koopera Societo nacia, kun subskribita kapitalo de Fr. 12.500, de kiuj Fr. 2.500 estis tuj pagataj !

Kiam ni rerigardas al tiuj jaroj jam foraj, ni povas fieri pro la maniero, laŭ kiu tiu malforta societo disvastiĝis en tuta Belgujo kaj eĉ en la eksterlando kaj kreskis ĝis ĝi iĝis unu el niaj potencaj eldonejoj kaj presejoj, kiu samtempe funkciigas belan magazenon en la centro de nia metropolo.

Ĉiuj esperoj estas, de nun, permesataj, se ĉiuj Esperantistoj en la lando volas helpi al la fortikigo de tiu bastiono, ĉiam pensante pri ĝi, kiam ili bezonas iun aŭ alian Esperantaĵon aŭ eĉ ordinaran presaĵon aŭ paperaĵon.

Por faciligi al ĉiuj la irvojon al nia Instituto, la administrantaro decidis la organizon, okaze de la Jubileo, de granda **RABATVENDADO.**

Ĝi decidis kunmeti por sumo de **Fr. 5.000,—** pakaĵojn de libroj esperantaj aŭ pri-esperantaj kaj de aliaj esperantaĵoj kaj kiuj estos vendataj kun komerca perdo, sed kun la espero ke tiuj, kiuj tiel ricevos gravan premion, memoros poste la vojon al nia Societo.

Tiuj pakaĵoj valoros, laŭ katalogo

**Fr. 50,—** **Fr. 100,—** **Fr. 250,—**

kaj kostos nur :

**Fr. 25,—** **Fr. 50,—** **Fr. 100,—**

Malgraŭ la fakto ke ni vendas escepte tiujn librojn, kiuj apartenas al nia stoko de novaj, sendifektaj libroj el nia propra eldonejo kaj el eksterlandaj eldonejoj, kun rabato de 50 ĝis 60 %, — tio estas kun perdo —, ni donos KROMPREMION al tiuj, kiuj mendos al ni pakaĵon de **Fr. 250,—** (valoro), je **Fr. 100,—** (mendo) kaj kiuj havigos al ni duan tian mendon por amiko aŭ konatulo. Tiu KROMPREMIO konsistos el bela FONTPLUMINGO PELLETIER, vendata en nia magazeno, je almenaŭ **Fr. 80,—** kaj banderolita je tiu prezo.

Tiu ĉi vendo kaj la kunigo de mendoj, kiu ebligas akiri la belan KROMPREMION, estas kompreneble rekomendataj al la grupoj, kiuj tiel povas akiri je eksterordinara prezo, ne nur belajn librojn, sed ankaŭ belegan PREMION POR TOMBOLO... Ĉar FONTPLUMINGON ĉiu ĉiam kun danko gajnos ! Ĝi tamen ankaŭ estas rekomendata al la individuaj Esperantistoj, kiuj tiel povas havigi al si malmultekostan Esperanto-materialon.

Ni tamen devas insisti ke tiu vendado, kiu kompreneble devas esti escepta kaj nur daŭros 15 tagojn, okazos en la magazeno de la sabato 24-an de Septembro ĝis la dimanĉo 9-a de Oktobro. La mendoj tamen povas esti de nun sendataj al la Instituto, 127, Lange Leemstraat kaj la pagoj al P.Ĉ.K. 1689.58. La forsendoj okazos dum la citita periodo.

LA ADMINISTRANTARO.

helpos ? Esperantistino kun knabo serĉas rifuĝon. Esp. Interhelpo N-ro 2. — Kiu pruntos 320 dolarojn ? Samideano serĉas rifuĝon, devas posedi 720 dolarojn por povi eniri sian novan patrolandon kaj havas nun la duonon de tiu sumo. Esp. Interhelpo N-ro 3. — Tajlorino, tre sperta, 33-jara, pro rasa kaŭzo serĉas rifuĝon en alia lando. Esp. Interhelpo N-ro 4. Larmoj...

Furioze mi forĵetas la gazeton, prenas la kongreslibron kaj legas : Je la 20a horo — Kongresa Balo...

Ĉu ĉeesti balon en tia animstato ? Mi kvazaŭ aŭdas la voĉon de f-ino Saxl : Ne rompu eĉ iun ajn eron de la kongresprogramo pro mi ! Certe ŝi estus dirinta tion, se la subiteco de ŝia morto ne estus malebligita ĝin. Jes... mi ĉeestos la balon, sed, mi ne dancos.

Estas la 4a posttagmezo. Ĉu, post la verkado de ĉi tiu artikolo mia animo trankviliĝas ?...

A. LODEMA.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj : Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile : ĉiusabate je 21a h.

Ĝis la 15-a de Septembro okazos ĉiusabate en « Witte Leeuw » intima kunesto de la fidelaj membroj.

La Komitato jam preparas tutrenovigatan programon por la vintraj monatoj.

La membroj ankaŭ pripensu la novajn kursojn kaj jam de nun varbu por ili.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Aŭgusto kaj Septembro 1938, ĉiuj en la kunvenejo.

Mardon, la 16-an de Aŭgusto: a) Legado de Belga Esperantisto (Prez.: s-ro Ch. Poupeye); b) Portretludo (Prez. S-ro K. Decoster).

Mardon, la 23-an: a) Dikto de kanto (Prez. F-ino Y. Thooris); b) Intima babilado (Prez. F-ino M. Vanden Berghe).

Mardon, 30-an: Kantvespero. (Gvidado: S-ino Ch. Poupeye; ĉe la piano: S-ino H. Van Roye.)

Mardon, 6-an de Septembro: Debato: Kiel vojaĝi ? (Prez. S-ro H. Van Roye.)

Mardon, 13-an: a) Dikto de kanto. (Prez. F-ino Y. Thooris); b) Esp. kartludoj (Prez. S-ro K. Decoster).

Mardon, 20-an: Kantvespero. (Gvidado: S-ino Ch. Poupeye; ĉe la piano: S-ino H. Van Roye.)

Dimanĉon, la 25-an en la Sidejo, propaganda posttagmezo dum kiu parolos en ambaŭ naciaj lingvoj, S-ro Maur. Jaumotte, vicprezidanto de R. B. L. E.

Mardon, 27-an: a) Legado de Belga Esperantisto (Prez. S-ro Ch. Poupeye); b) Debato: Gotiko en Bruĝo (Prez.: F-ino M. Vanden Berghe).

Vendredon, 30-an: je la 20-a en la Sidejo « Gouden Hoorn—Cornet d'Or » : Malfermo de la kurso por komencantoj, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo.) Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde :

De la 7-a ĝis la 8-a : Dancleciono.
De la 8-a ĝis la 10-a : Kunveno.

Lundon, la 15-an de Aŭgusto: Raportoj pri la Kongreso en Londono.

Lundon, la 22-an: Amuza kunveno.

Lundon, la 29-an: Ludvespero.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo «La Verda Stelo ».** — La 9-an de Julio, S-ro Faes faris tre interesan paroladon pri la Reĝo Alberto, kies specialaj altaj meritoj klare evidentiĝis pro la bela klarigo.

La postan tagon, speciala aŭtoĉaro kondukis la grupanojn al la Roko de Marche-les-Dames, al Beauraing kaj al diversaj belaj lokoj de tiu regiono.

La postajn sabatojn, la antaŭvidita programo ne estis plene efektivigata, sed la membroj regule kunvenis kaj tiel ankaŭ en malgranda rondo akceptis S-ron Krestanoff, kiu tamen por ili interese paroladis.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 21an de Junio, S-ro Van Roye gvidis la lecionon de la kurso por progresantoj. Poste S-ro Blaise agrable parolis pri sia urbo : Londono.

Dimanĉon, 26-an de Junio, kelkaj grupanoj faris tre agrablan promenadon en la arbaroj de Sankta Andreo, sub la gvidado de S-ro A. Van Eenoo.

La 28-an, post legado de la parolata jurnalo, entenanta la komunikaĵojn, legado farita, kiel kutime, de F-ino Thooris, prezidantino, S-ro Groverman donis tre lernigan lekcion pri « Historio de Esperanto». Samgrupano, Pastro Ghesquière, ĉeestis kun ses el siaj blindaj lerna[...] kiuj sub lia gvidado bonege lernis nian ling[...]

Dimanĉon, 3-an de Julio, okaze de la N[...]nia Tago, delegacio de la grupo partopren[...] la flago en la oficiala sekvantaro.

La 5-an de Julio, F-ino M. Vanden Be[...] gvidis dikton de nova kanto. La vespero fi[...]per agrabla kartludado.

La 13-an okazis tre interesa debato [...]bestoj. Ĝi estis lerte gvidata de S-ro K. De[...]ter. La plej fervoraj partoprenantoj estis S[...] Groverman, Van Roye kaj Guillaume kaj F[...] Thooris.

La 19-an, F-ino Thooris gvidis lecionon [...] la kurso por progresantoj. Poste Ges-roj [...] Roye gvidis kantadon. S-ro Decoster malfer[...] novan ŝparkason por la universala kongres[...] 1939 en Bern.

La 21-an, en Bruselo, okaze de la n[...]festotago, delegacio de la Bruĝa Grupo kun [...]flago, partoprenis en la sekvantaro de la ci[...] societoj antaŭ la Reĝo, Honora Prezidanto [...] R. B. L. E.

La 26-an de Julio, F-ino Thooris anstataŭ[...] S-ron Poupeye en libertempo, gvidante la las[...] lecionon de la kurso por progresantoj. Post [...] S-ro Delcloo faris tre instruplenan paroladon [...] « Krudferfabrikado ». S-ro Van Roye, kun[...] prezidanto, direktis al li la dankojn de [...] ĉeestantoj.

La 2-an de Aŭgusto la grupo ricevis la [...]ziton de S-ro Ivan Krestanoff, kiu kaptis [...] atenton de la ĉeestantoj dum preskaŭ du ple[...] horoj, parolante pri sia ĵus finiĝinta vojaĝo [...] Islando. Li klarigis multajn sciindaĵojn per [...] elokventa rakonto kaj montris fotografaĵojn [...] la priskribitaj belaĵoj. La ĉeestantoj lin ent[...]ziasme aplaŭdis kaj F-ino Thooris, prezidanti[...] esprimis al li ĉies dankemon. Post tio la [...] lacigebla parolanto respondis ankoraŭ mult[...] detalajn demandojn.

**LOVENO. — Lovena Grupo Esperantista.** [...] Nia amiko Wauters energie daŭrigas sian [...]pagandon por nia lingvo kaj denove eld[...] flugfolieton en sia urbo.

Notindaj faktoj estas, ke la urbestraro [...] abonis la semajngazeton « Heroldo de Esp[...]anto », kaj ke s-ro Wauters sukcesis aper[...] nederlandlingvan artikolon pri Esperanto en [...] organo de la Asocio de Lernintoj de la kom[...]uma profesia lernejo por tajloroj.

## FAMILIA KRONIKO.

**Kondolencoj.**

— Al F-ino Rachel kaj al S-ro Carlos [...]TON, gemembroj de la Bruĝa Grupo, pro [...] morto de ilia avino S-ino Verbeke-Van H[...] (17-7-38).

# Bibliografio

**Sufiĉe ampleksa rubriko bibliografia atend[...] sian presadon.**

**Ni tamen atendas ĝin presi dum tiuj some[...] monatoj, eĉ se eble la eldonintoj esperis [...] kontraŭon.**

**Pli bone prokrastita enpreso, je momento [...]vora ol rapida enpreso en momento, kiam ne[...] pensas pri libro-legado, kaj do certe ne [...] libro-akiro.**

# Raporto de la liga Sekretario

## pri la pasinta jaro

En la antaŭa numero de « Belga Es-
erantisto », ni promesis reveni sur la
aporto, kiun s-ro Ch. Poupeye, liga se-
retario, prezentis al la ĝenerala kun-
eno de Reĝa Belga Ligo, dum la
XVIIa Belga Kongreso.

Ni nun represas kelkajn paragrafojn
l tiu interesa raporto :

Estimataj Gesamideanoj,

Je la peto de nia Liga Prezidanto, mi prenis
ur min la taskon prezenti al vi mallongan
aporton pri la agado de nia Reĝa Belga Ligo
sperantista dum la pasinta jaro.

Farante tion por la unua fojo, mi rememoras
mocie pri iu, kiu plenumis tiun taskon tiel
fte kaj tiel majstre, nome pri nia karmemora
enerala Sekretario: Henri Petiau.

... La 25-an de aprilo 1937 okazis en Bruselo
a laŭleĝa jarkunveno de nia Ligo.

La administrantaro estis kunmetata, kaj la
otizo por izolaj membroj estis altigata ĝis
5 fr.

... De la 15-a ĝis la 17-a de majo 1937,
kazis en Antverpeno nia 26-a Belga Esperan-
o-Kongreso, kiu dank' al la majstra organizado
e la Antverpenaj « Verd'Stelanoj » iĝis granda
ukceso. Al ĝi aliĝis 242 gesamideanoj. Kun-
eno de la administrantaro okazis dum la unua
ongrestago, kaj alportis la jenajn ŝanĝojn en
a estraro: eksiĝo de S-ro Cogen kiel vic-
rezidanto, kiu estas anstataŭata de S-ro Jau-
notte, la funkcio de ĝenerala sekretario restan-
e vakanta. — Dimanĉe, 16-an, dum la solena
arkunsido, estis honorigataj 16 gemembroj de
a Ligo, kiuj jam de antaŭ minimume 25 jaroj
l ĝi aliĝis. El ili, speciale estis honorigataj:
-ino Maria Elworthy-Posenaer kaj S-ro Léon
Cogen, pro sia esperantisteco de antaŭ respek-
ive 30 kaj 40 jaroj, kaj kiuj, je la aplaŭdoj de
a ĉeestantaro, estis nomataj: emerita vicprezid-
nto, kaj emerita administrantino.

... Post tiu kongreso, en junio, estis orga-
izata la rondvojaĝo de S-ro Grenkamp-Korn-
eld, kiu faris interesajn paroladojn pri Polujo
n la grupoj de Antverpeno, Bruselo kaj Bruĝo.

... Rilate al la Universala Kongreso en Varsovio,
i memoru ke F-ino Jennen, administrantino
e Reĝa Belga Ligo, reprezentis tie la belgan
ministron de Publika Instruado, al kiu ŝi poste
omunikis la rezoluciojn de la kongreso rilate
l la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.
Tiu agado estis unua paŝo al pli vasta klopod-
do tiucela, nuntempe prizorgata de S-ro Ad-
okato Robert kaj pri kiu ni povas esperi fruk-
odonajn rezultatojn.

La 30-an de januaro 1938 okazis en Bruselo
dministrantara kunsido de nia Ligo. En ĝi
stis speciale esplorataj kaj aprobataj regularoj
ri la Kongresoj, pri la ekzamenoj kaj pri la
rogramo de tiuj-ĉi.

Dum Februaro estis aranĝata rondvojaĝo de
-ro Baghy, kiu faris plej ŝatatajn prelegojn en
Arendonck, Bruĝo, Gento, Bruselo kaj Ant-
erpeno.

La 3-an de aprilo okazis en Bruselo la or-
inara ĝenerala jarkunveno de nia Reĝa Belga
igo, Societo sen profita celo. Diversaj raportoj
ri la ĝenerala agado, pri apartaj fakoj kaj pri
Belga Esperantisto» estis aprobataj. Post tio la
unveno elektis unuanime 15 administrantojn
ome: S-rojn Faes, Jaumotte kaj Wauters
(Antverpeno); F-inon Thooris kaj S-rojn De-
coster kaj Poupeye (Bruĝo); S-rojn Kempeneers
kaj Swinne (Bruselo); S-ron Vande Velde
(Gento); S-ron Tassin (La Louvière); S-rojn Co-
gen kaj Cafonnette, F-inon Jennen, S-rojn Ro-
bert kaj Vanden Bossche, kaj tri komisarojn,
nome: S-rojn Roost, Mathieux kaj Alofs. Plie
la sama kunveno decidis plialtigi la ligajn ko-
tizojn por 1939, ĝis la jenaj ciferoj: ordinara
membro: 20 fr. anstataŭ 15 fr., familia mem-
bro: 7,50 fr. anstataŭ 5 fr., dum la kotizo por
izola membro restas senŝanĝe je 35 fr.

Tuj sekvanta Administrantara Kunsido re-
elektis provizore la Direktantan Komitaton. En
la Ekzamena Juĝantaro estis elektataj: Prezid-
antino: F-ino Jennen; Gemembroj: D-ro Kem-
peneers, F-ino Thooris, S-roj Cogen, Jaumotte
kaj Vandevelde, anstataŭantaj gemembroj: F-ino
Obozinski, S-roj Alofs kaj Sielens.

... Ni povus kaj eĉ devus aldoni al tio la di-
versajn agadojn de niaj lokaj grupoj, kiuj estas
la vivantaj eroj de nia Ligo, sed tio igus tiun
raporton tro longa. Ni do nur diru ke niaj di-
versaj grupoj okupis sin pri la loka propaganda
laboro organizante, kiel kutime, paroladojn,
kursojn, ekspoziciojn, festojn, ekskursojn, ktp.
Inter ili, vi permesu ke mi citu la Bruĝan Gru-
pon, nur por rememori ke ĝi la 3-an de oktobro
1937-a, en ĉeesto de multaj ne-bruĝaj liganoj,
brile festis sian tridek-kvinjaran jubileon.

Ni ankaŭ atentu pri la pionira laboro de
kelkaj samideanoj kiuj dum la pasinta jaro an-
taŭenpuŝis nian movadon en lokoj kie ĝi ĝis
tiam nur malmulte estis konata, nome en
Leuven, Nivelles, Tournai kaj Turnhout.

La ekzemplo de tiuj kuraĝaj propagandistoj
estu sekvata; ni do indiku al ni, la celon flirtigi
nian verdstelan flagon en multaj pliaj lokoj dum
la nova interkongresa jaro. Aliflanke ni pli-
fortigu niajn jam ekzistantajn vicojn kaj ni
laboru ĉiuj fervore, sed precipe kun memvola
disciplino, fidelaj al nia Reĝa Belga Ligo Esper-
antista, kaj al nia Internacia Esperanto-Ligo.

# Inaŭguro de Zamenhofstrato

## Verda landeto en Norda Francujo

La libertempsemajno en Malo (2a ĝis 10a de
Julio) komenciĝis per grava festvespero en la
bela stel- kaj flagornamita salonego de la urb-
domo, kie ĉeestis kelkcentoj da homoj, ankaŭ
neesperantistoj. Kunlaboris aro da admirindaj
artistoj kun tre varia kaj alloga programo.
Sekvis granda balo ĝis la 2a horo. Jen granda
sukceso, ĉar la publiko ege amuziĝis kaj ne
ŝparis aplaŭdojn!

Dimanĉo, la 3a estis memorinda tago por
Esperanto, ĉar oni inaŭguris Zamenhofstraton
en la antaŭurbeto Rosendael. Trairinte la urb-
eton, muzikon antaŭe, sub la mirigitaj okuloj
de la enloĝantoj, la samideanoj haltis ĉe la loko
de la inaŭguro. Oni ludis « La Espero » kaj
forprenis la francan flagon kovrintan la strat-
tabulon, kiu nun aperigis, en verdaj literoj sur
blanko fono, la vortojn:

Rue Zamenhof
(Créateur de l'Esperanto.)

Simplaj vortoj, sed kiom signifaj !

S-ro De Gand, prezidanto de la Dunkerka
grupo, en emociplena parolado, rememorigis la
vivon kaj penadon de D-ro Zamenhof kaj mon-
tris la gravon de Esperanto por la frateco inter
la popoloj.

Poste la sekvantaro remarŝis tra la stratoj ĝis
la urbdomo kiu estas nova, altvalora konstruaĵo.
S-ro De Gand dankis la urbestraron pro ĝia
kunhelpo kaj la sveda verkisto s-ro Engholm,
en nomo de la Svedoj kaj de la tuta Esperant-
istaro gratulis la urbestron kaj la loĝantaron.

Tiam S-ro De Gand alparolis S-ron Engholm,
alludante lian grandan verkistan talenton. Post
tio, ĉiuj paroladoj estis laŭnecese tradukitaj
Esperanten aŭ Francen.

La ĉiutaga kunivvo en Malo-les-Bains estis
vera regalo por la Esperantistoj. — Matene de
la 10a ĝis la 12a okazis perfektiga kurso, tiun-
ĉi jaron sub gvidado de la kvalitplena Ĉeĥ-in-
struisto S-ro Persson. Lia pacienca, malrapida
kaj klarega komprenigo malaperigas ĉe la in-
struatoj la lastajn dubojn pri iu ajn gramatika
punkto. La lernado iĝas plezuro kaj oni pliriĉ-
igas siajn konaĵojn senlaciĝe kaj senpene. Post-
tagmeze, oni faris diversajn interesegajn eks-
kursojn: vizito de la grava haveno de Dunker-
ĉue sub la gvido de la inĝeniero s-ro Houzé,
sekretario de la Esperantista grupo; alitage, oni
veturis al Bergues kie la samideanoj atente vi-
zitis la tre interesan muzeon kaj estis akceptataj
kaj regalataj en la urbdomo. Se ne estis eks-
kurso, oni promenis, banis, ludis aŭ ripozis sur
la bela plaĝo. — Vespere, oni kune kantis, ludis
pianon aŭ aranĝis feston, kun ĉeesto de la
Dunkerkaj grupanoj. Tiam iuj kantis, aliaj ra-
kontis humoraĵojn aŭ faris paroladojn. Tiel pa-
rolis: s-ro Engholm (Svedujo) pri Esperanto kaj
ĝia propagandado, s-ro Rousseau (Parizo) pri
siaj spertoj dum oficialaj kongresoj de Esper-
anto, s-ro Ockey (Anglujo) pri la Esperantista
vivo en Londono. Oni multe admiris la talenton
de Fraŭlino Tondelier (Lille) kiu tiel sprite de-
klamis humorajn kantetojn ke ŝi ridigis la plej
severan gravulon.

La 8-an de Julio okazis akcepto de la parto-
prenantoj en la belega urbdomo de Dunkerque,
kie la tiea grupo esperantista regule kunvenas.
Post vizito de la konstruaĵo, s-ro De Gand franc-
lingve prezentis la Esperantistajn gastojn, spe-
ciale memorigante la valoron de la verkaro de
s-ro Engholm. S-ro Houzé tradukis Esperanten.

Tiam parolis s-ro Ockey el Londono en nomo
de la eksterlandanoj kaj tradukis francen s-ro
van der Stempel (Bruselo). Post tio la urbestro
ĉarme respondis kaj ĉiuj gustumis la honor-
vinon.

Bela finfesto estis aranĝata je la lasta ves-
pero, Sabaton, la 9-an, kiam la amikaro pre-
zentis belajn donacojn al s-ro Houzé kaj s-ro
Persson, pro ilia rimarkinda sindono, kaj ankaŭ
florojn al la Hotelestrino kaj ŝia filino pro ilia
bona zorgado.

Dimanĉon, la 10-an, la loĝintoj, inter kiuj
troviĝis anoj de 5 diversaj nacioj (Francoj,
Svedoj, Angloj, Nederlandanoj, Belgoj) dis-
vojaĝis kun multa bedaŭro, sed ankaŭ kun
granda dankemo pro la ĝuita plezuro.

Gastama kaj kora atmosfero! Certe estas ke
Dunkerque, Malo kaj Rosendael estas ne nur
alloga kaj ĉarma, sed ankaŭ verda regiono, ĉar
la aŭtoritatuloj same kiel la loĝantaro estas
tute simpatiaj rilate al Esperanto.

Estas fakte regiono kiun ĉiu vera esperantisto
el nia lando devas viziti.

VAN DER STEMPEL.

## Esperanto-Kongreso en Bruselo

En Bruselo okazis antaŭ kelkaj tagoj, la 18a
internacia Esperanto-Kongreso de « Sennacieca
Asocio Tutmonda ». La kongreso fariĝis granda
sukceso. Pli ol 650 esperantistoj el 16 landoj
partoprenis. Oni tre bone estis organizinta la
loĝadon: en amasloĝejo (lernejo) loĝis 300 per-
sonoj, en tendejo (35-40 tendoj) loĝis 100
personoj.

Venontjare la kongreso okazos en la metro-
polo de Danlando, Kopenhago.

## Neĝblankulino kaj la sep Malgranduloj

*(El « Heroldo de Esperanto ».)*

Dana samideano sendis al ni eltondajon el la jurnalo « Politiken », aperanta en Kopenhago, kiu la 14-an de julio 1938 enhavis artikolon pri la malfacilajoj de l' adapto de la amerika filmo « Neĝblankulino kaj la sep malgranduloj » al la dana lingvo. Kutime en Danlando oni prezentas eksterlandajn filmojn en la originala lingvo de ilia deveno, kun teksta klarigo en la dana, aperanta sub la filmbildoj. Sed ĉe la nomita filmo oni faris escepton. Jen traduko de la artikolo en « Politiken » :

Oni intencis prezenti la filmon en Danujo jam en la komenco de aŭgusto; sed pro tio, ke la sinkronizo (lingva adapto) de la filmo estas treege detala afero, oni devos atendi almenaŭ ses semajnojn. Ĉiuj eksterlandaj filmoj, prezentataj en Danujo, havas mallongan danan tekston sur la malsupra parto de la filmbildoj ; sed en ĉi tiu kazo la danaj tekstoj tro malbonigus la efikon de l' belegaj bildoj de la filmo.

Walt Disney mem deziras, ke oni, por ĉiuj landoj ekster Usono kaj Anglujo, kie oni montros la filmon, faru novan sonfilmon en la lingvo de la koncerna lando, kaj tio do ankaŭ okazos en Danujo.

La sinkronizo okazos tiel : Partoj el la filmo estos montrataj antaŭ la danaj geaktoroj, kiuj devos enparoli la danan tekston, kiun ili antaŭe lernis, kaj kiun kaptos sonfilm-aparato. La buŝmovadoj de la danaj aktoroj nepre devos esti konformaj al tiuj, kiujn faras la personoj en ĉi tiu desegnita filmo. Same estas rilate al la kantoj, kaj precipe rilate al la ĥorkantado de l' malgranduloj — tio estas eĉ tre komplika afero.

Farinte ĉi tiun danan tekstfilmon, oni sendos ĝin al Hollywood, kie ĝi estos kunligata kun la muziko. Tio okazos jenmaniere : Oni faros el la dana tekstfilmo kaj la usona muzikfilmo trian filmon, kiun oni poste kunligos kun la bildfilmo anstataŭ la originala sonfilmo en la angla lingvo. Estas treege komplika kaj tre multekosta afero. Ekzemple, en Svedujo oni pagis 40,000 kronojn por « svedigi » la filmon en la sama maniero...

Poste la artikolo mencias la nomojn de la geaktoroj, kiuj devos enparoli la danan tekston. Ili preskaŭ ĉiuj « laboras » en la Reĝa Teatro en Kopenhago.

Estu ĉi-loke rememorigate pri la fakto ke oni ankaŭ jam prezentis filmon sinkronizitan al Esperanto, nome okaze de la 26-a Universala Kongreso en Stokholmo.

Kompreneble la adapto de sonfilmo al dekoj da naciaj lingvoj estas tre multekosta afero, kaj ne ĉiam ĝi sukcesas laŭdezire. Ĝi vere estas nur « surogato », elturnilo. La veran solvon ankaŭ por la parolfilmo alportos Esperanto.



## POR KORESPONDEMULO

Legiano Wilmotte Oscar, 6839, Clique 4 R.I. Camp Mangin, Marrakech, Maroko, deziras korespondi kun esperantistino.

**E. Anderegg-Chevalley,** Horn am Bodensee, Thurgau (Svisujo) serĉas urĝe por filatelista ekspozicio, la Esperanto-Kongres-poŝtstampon de Antverpeno 1928. Li deziras ĝin interŝanĝi aŭ aĉeti.

**ESTRARO DE „ BELGA LIGO ESPERANTISTA "**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)
**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)
**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I.E.L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.